IVO
LAPENNA
PRI
INFORMADO

LA VIVO DE
LORENZ EN
EŬROPO

# Jes Ja!

MILLÔR
FERNANDES
KAJ LA
GRANDAJ
FAKOJ

Brazila E-Gazeto Sendependa * Vintro 1991
Mal. Frota, 278 * 91350 Porto Alegre, RS, Brazilo



RIO '92: LA ALVOKO DE ARISTÓPHIO

2

2

JES JA!

Brazila
E-Gazeto
Sendependa

Redaktoro:
César Dorneles
Soares

Redakcia
adreso:
Mal. Frota, 278
BR-91350
Porto Alegre, RS
Brazilo
(0512) 44.2591

Cirkulas en
RS, SC, PR, SP,
RJ, MG, ES, DF,
GO, BA, AL, CE
k AM

Kunlaboraĵoj
bonvenaj.
Ricevu viahejme
ekzempleron
kontraŭ 3 (tri)
poŝtmarkoj.
Oni petas
interŝanĝon.

R I C E V I T E

* ESPERANTO NOTÍCIAS n-roj 79/81- Sendependa movadbulteno redaktata de S-ano Gilberto A. Silva Velho (Caçapava/SP)
* LIGILO n-ro 10 - Oficiala organo de Brazila E-Ligo (Braziljo/DF)
* FENIKSO n-ro 4 - Oficiala organo de Argentina E-Asocio (Córdoba/Argentina)
* NITEROJA BULTENO n-ro 42 - Oficiala organo de Niterói E-Klubo (Niterói/RJ)
* RIO ESPERANTISTA n-ro 11 - Oficiala organo de Asocio Esperantista de Rio-de-Ĵaneiro (Rio-de-Ĵanejro/RJ)
* SIMPOZIO n-ro 17 - Oficiala organo de Filozofia Asocio Tutmonda (Florianópolis/SC)
* REGIONE n-ro 1 - Oficiala organo de Delegita Reto de UEA en Brazilo - Suda Regiono (Campos do Jordão/SP)



R E A G O J

Kritikoj, ideoj, opinioj, sugestoj pri JES JA! kaj ĝia enhavo estas bonvenaj!Kunlaboru, por ke ĝi fariĝu pli kaj pli vera legindaĵo!

"Bona legaĵo: JES JA!, kaj ĝia muntado/prezento igas vin inda je posteno en granda ĵurnalo/revuo." (Georgo Otto Vaske, São Sebastião do Caí/RS)

"Ni ricevis revueton JES JA! kiu tre plaĉis al ni." (Walter Bopré nome de Esperanto-Asocio de Santa Catarina) 

"Mi ricevis kaj, kun granda plezuro, legis vian gazeton JES JA! - kiu tre plaĉis al mi.Vere ni multe bezonas tian gazeton en Brazilo, ne nur por legi kaj ĝui ĝin, sed ankaŭ por montri al neesperantistoj kaj nekredemuloj.Gratulojn al vi.Grafike ĝi ankaŭ estas tre bona kaj agrabla por legi." (Alberto Flores, Volta Redonda/RJ)

"Mi bone akompanis vian daŭran eldonaktivecon kun miro.Ne malpli granda tiufoje, pro via E-Gazeto Sendependa.(...) Precipe la enhavo estas atentiga kaj mi scivole atendas venontan numeron." (Symilde Schenk Ledon, Campos do Jordão/SP)

"Ĝoje ni ricevis , el S-ano Alberto Flores, kaj interese legis vian instru- kaj informplenan JES JA!, kaj kompreneble ni ŝatus daŭre ricevi la venontajn ekzemplerojn." (Vicente Werneck, Volta Redonda/RJ )



K I A M ?  K I O ?  K I E ?





22-25AŬG. - CENTJARIĜO DE ISMAEL GOMES BRAGA. Ubá/MG

06-08SET. - 4a GAŬĈA RENKONTIĜO DE ESPERANTO. Porto Alegre/RS

14SET. - 7a E-RENKONTIĜO DE VALE DO PARAÍBA. Resende/RJ

20-22SET. - 6a SUDBRAZILA RENKONTIĜO DE ESPERANTO. Joinville/Sc

OKT. - 1a UEA-DELEGITA SEMINARIO. Manaus/AM

OKT. - 1-a BRAZILA E-FORUMO EN AMAZONIO. Manaus/AM

15-17NOV. - 4a LABORKUNSIDO EN NORDORIENTO. Fortaleza/CE

15-17NOV. - 15a E-RENKONTIĜO DE ŜTATO SAN-PAŬLO. Ribeirão Preto/SP

15DEC. - 4a ESPERANTA RENKONTIĜO DE VALE DO AÇO. Ipatinga/MG.

19-26JAN. - 13a BRAZILA ESPERANTISTA JUNULARA KONGRESO. Barra do Garças/MT

NITERÓI ESPERANTO-KLUBO ★ NITERÓI, RJ · BRAZILO

NITERÓI ESPERANTO-KLUBO
Caixa Postal n.º 100.010
24001 - Niterói, RJ.

# EŬROPA VIVPERIODO DE FRANCISCO VALDOMIRO LORENZ

Far Alberto Flores
Volta Redonda/ RJ

(2a Parto)



17jara F.V.Lorenz



La tagon en kiu li devis ricevi la unuan eŭkaristion (komunion) li suferis fortan intestan malarnaĝon kaj devis iri en la necesejon kaj tie restis tro longan tempon. Kiam li realvenis al la komuniiĝa salono, lia episkopa moŝto, tre kolera kaj senpacienca, aplikis kelkajn vangofrapojn al la malfruinto, kiu tre ĉagreniĝis pro tio.

o O o

Kiam Lorenc estis 16/17-jara, post la kursado de la unua jaro kiel interna lernanto, en la seminario de Kolin, li eliris, kun kolego, por pasigi kelkajn feriajn tagojn hejme.Dum ili kune marŝadis, Lorenc prezentis al la kolego siajn opiniojn pri kelkaj religiaj aferoj kiuj, laŭ li, devus esti reekzamenataj por akordigi ilin kun la Scienco.Tiu kolego tuj sciigis la opiniojn de Lorenc al la estro de la seminario. Do, en la sekvanta jaro oni ne akceptis la junulon Lorenc kiel internulon en la seminario en Kolin. Estis malfacila situacio, sed Lorenc tre deziris

daŭrigi sian lernadon tie. Feliĉe iu afabla juda komercisto akceptis Lorenc en sia hejmo. Tie li ricevis liton kaj manĝaĵon, sed li devis agi kiel helpa instruisto (mentoro) por knabo kaj knabino, gefiloj de la komercisto, kiu trovadis malfacilaĵojn en ilia lernado ĉe la lernejoj. Lorenc bone profitis la oportunecon kaj lernis la hebrean lingvon el sia protektanto. (DAŬRIGOTE)

---

6 H U M U R E

## DIALOGOJ DE LA GRANDAJ FAKOJ

Far Millôr Fernandes



La amanto de testudoj iris al la maksimuma fakisto pri testudoj:

- Doktoro Testudologo, mi venis ĉi tien ĉar mi havas ege seriozan problemon; mi havas du testudojn,

sed mi ne scipovas distingi inter la vir-besto kaj la ino.Kion mi faru por distingi?
La maksimuma fakisto nek pripensis:
- Estas tre simple; vi prenu iun inan lacerteton kaj iun vir-bestan lacerteton.La ina testudo manĝos la vir-bestan lacerteton kaj la vir-besta testudo manĝos la inan lacerteton.
La amanto restis tre impresita kaj kontentá pro la simpleco de la solvo pensante: "La veraj saĝuloj neniam komplikas."Malgraŭ tio tuje ekestis kompliko:
- Sed, doktoro Testudologo, kion mi faru por scii kiu estas la ina lacerteto kaj kiu estas la vir-besta lacerteto?
La maksimumulo, supera simpliganto, senhezite parolis:
- Simplege.Mi donos al vi la adreson de iu kolego. Mi vin garantias, ke li estas la plej bona fakisto pri lacertetologia seksologio.

Moralaĵo: La specialisto scias pli kaj pli pri mal multo, mi konsentas.Kaj ni, vidante televidon la tutan tagon, scias malpli kaj malpli pri multo.



---

K I O ? K I E ?

INTERNACIA KORESPONDA SERVO helpos al vi trovi korespondant(in)on.Por pluraj informoj sendu unu internacian respondkuponon al: Box 163 Stn. "A" Downsview, ont. M3M 3A3 Kanado.

E S O T E R A   N I F O L O G I O

INTERVJUO KUN
JOSÉ TRIGUEIRINHO NETTO

(2a Parto)





TRIGUEIRINHO

JES JA! daŭrigas la reprodukton de intervjuo de Jose Trigueirinho Netto al la revuo PLANETA.Kiel informite pasintnumere la intervjuito estas unu el la ĉefaj spiritaj gvidantoj de la tiel nomata "Avancita Nifologio" au "Esotera Nifologio", termino kiun nia gazeto ekadoptas ekde ĉinumere."Esotera Nifologio" estas parto de nifologio kiu studas kaj diskonigas sciencajn, filozofiajn kaj religiajn konojn originitajn de la interrilato inter homoj ("kontaktitoj") kaj eksterteranoj el superaj civilizoj.

**Kaj la malnova homaro, kien ĝi iros?**



TRIGUEIRINHO - Tiu parto de la homaro kiu ne estas "malfermita" al la novaj planedleĝoj povos estis kondukita al malsimilaj regionoj de la universo, kie ili sentos sin pli laŭvolaj.



**Ĉu la ĵusa ekologia ofensivo tutmonda jam estus efiko de la laboro de la hierarkioj pli evoluigintaj de la universo?**

TRIGUEIRINHO - Mi opinias, ke la ekologia laboro tre bone inspiriĝis.Sed mi kredas, ke ĝi devas evolui al iu agnosko pri suprafizikaj kaj supra-naturaj leĝoj, ĉar la situacio pri fizika kontaminado de la planedo ŝajnas esti iu neŝanĝebla afero, kiu ne plu havas solvon pere de la homa teknologio.

**Ĉu vi trovas, ke la Tero estos forlasita?**

TRIGUEIRINHO - Ne.La individuoj kiuj estas malfermitaj al la nova planeda leĝo restos en la Tero, kelkiuj en fizikaj korpoj, aliaj ne.La nerestantoj estos kondukitaj al malsimilaj planedsistemoj, kiuj funkcias sub aliaj leĝoj.

**Ĉu estas iu motivo por ke ni kredu, ke Brazilo estas iu areo en la Tero kiu havas ion specialan?**

TRIGUEIRINHO - En la tuta Sudameriko ekzistas iu laboratorio tre aktiva pri formado de la nova homa raso inkluzive Brazilo.Vere la nova homa raso (NdlR: "raso" ĉi tie en la senso de "sama kondutmodelo")

ekformiĝas en la tuta planedo, sed en Sudameriko troviĝas la tri plej aktivaj centroj por starigo de la nova homa raso.La unua motivis la libron pri Erks; la dua troviĝas en la peruaj Andoj; kaj la tria en la areo de Peruo kaj Urugvajo (NdlR: lastdue respektive Miz Tli Tlan kaj Aŭroro).Tiu tuta regiono de Sudameriko estas tre valora por la nova homaro, inkluzive grandparte de Brazilo.




RICEVU VIAHEJME LA N-RON 3 DE "JES JA!"
KONTRAŬ 3 (TRI) POŜTMARKOJ POR SIMPLAJ LETEROJ





**Ni kune ŝipveturu**

Ĉiuj homoj frate en sama ŝipo.
Homoj, kiuj kune veturas...
Grandega sonĝo!
La suno dancas sur la ĉielo,
la fiŝoj petolas en la maro!

Ĉiuj homoj
frate en sama mondŝipo.
Fortuloj kaj senfortuloj.

Ĉiuj popoloj kaj lingvoj kaj rasoj.
Povuloj kaj senpovuloj.
Homoj, kiuj kune veturas
frate sur la mondmaro,
sub la sama suno, sur la samaj ondoj,
havantaj la venton en la dorso,
havantaj kontraŭventon,
en la sama tempesto.

Kantistoj promenas sur la ferdeko kantantaj.
Ĉiu estas sekura enŝipe.

Grandega sonĝo!

☆ **Movado sen Nomo** ☆

E K O L O G I O

## RIO '92: ALVOKO AL EKOLEGIEMULOJ

Far Aristóphio A. Alves Fº
Maceió/ AL

"La agado de la esperantistoj tiam estas plej efika, se ĝi kontribuas al la solvo de socie gravaj taskoj, taskoj kiuj respondas al la aktuala intereso de la homaro. La plej bona propagando por Esperanto estas ĝia sociutila apliko por neesperantistaj medioj." (el la libro "Socipolitikaj Aspektoj de la Esperanto-Movado". Ĉu vi konsentas pri tio ? Do, ni alvokas unuopulojn kaj asociojn al kunlaboro. Kiel ĉiuj scias, Brazilo gastigos UN-Konferencon pri Mediprotektado kaj Disvolviĝo en junio/92 en Rio de Janeiro (Unced/92 - United Nations Conference of Environment and Development). Pli ol 70 landoj jam konfirmis sian partoprenon. Tiu evento estos oportuna por prezenti Esperanton kiel komunikilon inter la Ekologiaj grupoj kaj partioj. Kredeble esperantistoj el aliaj landoj troviĝos inter la kongresanoj. Kion fari por montri la utilecon de la lingvo internacia? Unue ni povas kontakti la UEA-FD pri Ekologio, Mediprotektado kaj Naturprotektado (30) kaj fakajn grupojn (ekz.: Asocio de Verduloj E-istaj) por informiĝi pri kiom da ili ĉeestos la konferencon por prepari kunsidon, kies laborlingvo estos Esperanto. Tiu kunsido, per si mem, estos trafa varbilo. Due ni povas okazigi grandan ekspozicion pri poŝtmarkoj kaj bildkartoj pri naturo, bestoj kaj plantoj el la tuta mondo. Ni povas eksponi ankaŭ Ekologiajn Esperanto-librojn kaj gramatikojn kaj vortarojn en kiel eble plej multaj lingvoj. Trie, ni devas prepari faldfolion pri Esperanto en la plej parolataj lingvoj, helpe de eksterlandaj esperantistoj. Fakte estas multaj farendaĵoj. La rezulto de tiu laboro estos fondo de Ekologia Esperanto-Grupo en Brazilo por diskonigi Esperanton inter la ekologiistoj kaj

Fotoj: Jovan Ošap




Ĉu tia sceno de UK-o ripetiĝos okaze de la EKO-92?

Ekologion inter la esperantis - toj.Se vi inte- resiĝas pri tio, bonvolu skribi al Aristóphio Alves Filho,kun proponoj, ideoj, sugestoj, deman doj ktp.Bonvolu rapide decidi , ĉar la tempo flugas kaj la organiza komita to antaŭ monatoj laboras.Ne for- gesu, ke ni de- vas pritrakti tion kun ili.

(Aristóphio Andrade Alves Filho: UEA k FD pri Ekologio : PK 796 - 57001 Maceió, AL, Brazilo)

---

K L I K !

Sube bildo de germana desegnisto Johann Moritz Rugendas kiu kontraŭmetiĝas al aktuala fotografaĵo de fotisto Aristides Alves:

PLAĜO RODRIGUES (hodiaŭe COPACABANA, RIO-DE-ĴANEJRO)

antaŭ 160 jaroj:



hodiaŭ:



# BOLETIM DE ADESÃO
# 1 9 9 1

**BRAZILA ESPERANTO-LIGO**

Cx. Postal 11-1105, Brasília-DF



Nome_______________________________________________

Endereco___________________________________________

CEP____________Cidade_______________________Estado_________

Telefone (_____)______________Data de Nascimento_______________

Profissao ou Especialidade___________________________________

Data_____/_____/_____Assinatura_____________________________

___________________________________________________________

15

IMPORTANTE: Os preços de adesão a Liga estão sujeitos a alterações, conforme a evolução da economia.

1. LIGA BRASILEIRA DE ESPERANTO

| | | |
|---|---|---|
| Socio Contribuinte | | Cr$ 3.000,00 |
| Familiar de Socio | | Cr$ 1.500,00 |
| Estudante (ate 25 anos) | | Cr$ 1.500,00 |
| Socio Colaborador | a partir de | Cr$ 5.000,00 |
| Socio Vitalicio (30 vezes a cota de Socio Contribuinte) | | Cr$ 90.000,00 |
| Donativo | | Cr$________ |

2. ASSOCIACAO MUNDIAL DE ESPERANTO (UEA)

Categorias:

| | | |
|---|---|---|
| MG - Recebe apenas o MANUAL sobre o movimento esperantista | 7,00gld. | Cr$________ |
| MJ - Recebe o ANUARIO (a revista KONTAKTO se for menor de 30 anos) | 17,00gld. | Cr$________ |
| MA - Recebe o ANUARIO e a revista ESPERANTO (e a revista KONTAKTO se menor de 30 anos) | 42,00gld. | Cr$________ |
| DM - Recebe o ANUARIO e a revista ESPERANTO (e a revista KONTAKTO se menor de 30 anos) por toda a vida | 1.050,00gld. | Cr$________ |

SO ASSINATURA DE REVISTA

| | | |
|---|---|---|
| Revista ESPERANTO | 25,00gld. | Cr$________ |
| Revista KONTAKTO | 13,00gld. | Cr$________ |
| SUBTOTAL | - | Cr$________ |
| Despesas de remessa para o exterior (20% do Subtotal) (Associado da LIGA quite 1991 esta ISENTO) | + 20% | CR$________ |
| TOTAL | - | CR$________ |

(*) O FLORIM (gld) equivale aproximadamente a 60% do valor do DOLAR no cambio comercial para venda. Use este percentual.




N O V A   E R A O

## * SHIRLEY MacLAINE: ARTISTINO DE LA NOVA ERAO

Shirley MacLaine, 56 j., estas unu el la plej famaj kaj talentoplenaj artistinoj de Hollywood. Sed ŝi ne estas nur stelulino. Ŝi fariĝis unu el la ĉefaj gvidantoj de la movado Nova Erao en Usono. Ekologiaj kampanjoj, konferencoj kaj libroj pri spiritualismaj temoj ludas gravan rolon en ŝia aktivado. En marto ŝi venis al Brazilo por i.a. inaŭguri spektaklodomon Imperator en Rio-de-Ĵanejro. JES JA! reproduktas sube fragmenton de materialo pri ŝi kaj ŝia vojaĝo al Brazilo publikigita en la aprila n-ro de la revuo Desfile:

Estas alia flanko en la vivo de la aktorino, tre alloga, kiu pli kaj pli pligrandigas la nombron da ŝiaj admirantoj: la spiriteco. Defiante la usonan skeptikecon ŝi verkis en 1983 la libron portugaline "Minhas Vidas". Sekviĝis "Dançando na Luz", "Minha Vida é um Palco", "Em Busca do Eu" (lanĉitaj en Brazilo pere de eldonejo Record). Ĉiuj esoteraj. Ŝi estis konsiderita kiel frenezulinon kiam ŝi komencis rakonti pri ŝiaj propraj spertoj kun mediŭmoj, spiritoj, eksterteranoj, astralaj vojaĝoj kaj libere paroli pri reenkarniĝo. Ŝi perdis kelkajn amikojn, sed ŝi gajnis aliajn. "Mi nur verkas pri miaj spertoj. Ili estas por mi realeco. Oni rajtas malkonsenti. Mi pensas, ke ju pli multdimensia vi estos en viaj kredoj, des pli vi kreskos kiel homa estulo." Kaj Shirley klopodis disdividi ŝiajn ideojn kun aliulojn. Ne nur pere de libroj, sed ankaŭ pere de prelegoj tra la mondo. Ŝi eĉ surbendigis vidkasedan filmon en kiu ŝi instruas i.a. kiel ekvilibrigi la ŝakrojn - energicentrojn ekzistantajn laŭ la spino. Nuntempe ŝi ne plu partoprenas en seminarioj malgraŭ la fakto, ke sepa libro estas preskaŭ preta. "Mi ekperceptis, ke tio ĉio estis fariĝanta iu speco de movado kaj mi ne volas esti iu guruino. Mi estas ankoraŭ iu lernantino, kaj ne instruantino.












Kvankam multfoje oni ankaŭ lernas per la propraj lernantoj. La homoj devas eltrovi siajn proprajn vojojn, renkonti ilin en si mem kaj sukcesi sian internan ekvilibron. Eĉ tiel mi pludissemas la konceptojn pri la Nova Erao, filozofio kiu celas la konon pri la interna forto, kapabla ŝanĝi la mondon. Mi restas plena je espero pri la forto kiu la Nova Erao povas alporti. Tiu estas la oportuno por stariĝi pli bonan mondon. Sed nasko ĉiam portas suferon. Do mi preferas fokusi la mirindaĵon pri naskiĝo al la sufero. Ĉio estas demando pri perspektivo."

Lando de misteroj - "Mia vizito ao Brazilo estis spiritece tre grava. Tuje mi sentis fortan impakton pro ĉio kion mi vidis. Sed mi ne volas eniri en detalojn nun. Mi bezonas unue pensi pri tio kio okazis por poste skribi pri la afero." Verŝajne en la venonta libro ŝi rakontos la travivaĵojn en la mistika Valo do Amanhecer (Valo de la Tagiĝo) en Braziljo kaj ĉe la mediumo João de Deus. Brazilo vekis grandan admiron en la aktorino. "Tiu estas la lando kiu favorigas la disvolviĝon de tiu interna percepto plie ol en ĉia alia. Tiu lando partikulare estas treege riĉa pri spiritaj fenomenoj."

Returne en la EKO-92 - "Mi vidas nenian malsimilecon inter la spirita investigo kaj la ekologia." Pere de tio Shirlley konfirmas sian revenon al Brazilo venontjare por partopreni en la konferenco de UN pri ekologio - la EKO-92 - en Rio-de-Ĵanej

ro.Ŝi opinias, ke ĝi estos tre grava okazaĵo.precipe pro tio, ke ĝi kalkulos je la ĉeesto de reprezentantoj el diversaj landoj, ĉiuj kunvenotaj por iu serioza celo, ne nur por por trafi la ĉeftitolojn de la ĵurnaloj."Mi sentas iun reagon de la naturo kontraŭ la homaj trouzoj.Ĝuste tiel la afero rilatiĝas kun la spiriteco de ĉiu el ni.Fakte ni ne vidas la mondon kiel ni mem.Se ni scias malmulte pri ni mem, estos malfacile sukcesi vidi la aliulojn kaj la mondon.La ekologia ruinegiĝo estas konsekvenco de la malalta memestimo.Se ni volos ŝanĝi la mondon, ni devos unue ŝanĝi al ni mem."



E S P E R A N T O B R A Z I L E

INTERVJUO KUN JORGE DAS NEVES

Malgraŭ la fakto, ke li estas "das Neves", li loĝas en Copacabana, Rio-de-Jnejro...Ni parolas pri S-ano Jorges das Neves, ĉef-delegito de UEA en Brazilo,ki es ekskluziva intervjuo al JES JA! vi legos sube:

JES JA! - Kiel ĉef-delegito de UEA en Brazilo, kion vi opinias pri la nuntempa situacio de la Movado nialande?


Jorge das Neves

JORGE DAS NEVES - Jes, prosperas Brazila Esperanto-Movado malgraŭ la cirkonstancoj kiujn nia landa asocio kaj UEA-peranto alfrontas krom la tradiciajn malfacilaĵojn.Ĉiel okazas miракloj tie ĉi kaj ne temas pri profetaĵoj, ke Brazilo okupas la 4-an rangon ĉe landoj kun plej multe da membroj.Laŭstatistikoj por 1990, ni havis 466 UEA-anojn, post Francio (731), Germanio (613) kaj Usono (538).

JES JA! - Kiel statas la laboro pri pligrandigo de la delgita reto de UEA en Brazilo?

JORGE DAS NEVES - Ja denove la statistikoj faras o-
maĝon al Brazilo, ĉar ni fariĝis la unua lando kon-
cerne "individuojn", malgraŭ ke (ekde 1991) Germana
DR aldoniĝis al FR Germanio.Rilate al junularo nia
distanco fariĝas pli kaj pli granda.Laŭ indekso de
junulardelegitoj (p. 399 de JL/91) ni havas 20.Post
Brazilo venas Germanio kaj Italio egale kun 8.Tamen
ni ambicias pli da prospero.La altkvalita kresko re
gistrita sur Manaus, post kiam D-ro Jayme Pereira a
gadis kiel Regiona Delegito por Amazonio, instigis
nin "remapigi" Brazilon laŭ UEA-vidpunkto.Do, refe-
rendume de la Centra Oficejo, krom li por Amazona
Regiono, ni ekhavas la kunlaboron de S-ino Symilde
Ledon por Suda Regiono, de D-ro José Mário Marques
por Nordorienta Regiono, de S-ano Amarílio de Carva
lho por Orienta Regiono.Mankas oficiala indiko por
Okcidenta Regiono, konsiderataj la mallongigoj DF ,
GO, MS, MT kaj TO.

JES JA! - Kiel kutima partoprenanto de movadaj eventoj tra la lando, kion vi sugestus por ke oni plibonigu ilin?

JORGE DAS NEVES - Jen la ingrediencoj por ke la mo-
vada kuko estu vere granda kaj bongusta: efika kun-
ordigado, kalendaro tutlanda laŭkonsente starigita,
respekto al hierarkio kaj horaro, kreopovo, profesi
nivelo, pozitiva neŭtraleco, malpli da ĵaluzo kaj
stulta idealismo, ĉio surbaze de sincereco kaj ku-
raĝo pridiskuti niajn prioritatojn dum ĉiu evento
formala, inkluzive konsiderante, ke la Brazilaj Kon
gresoj de Esperanto ja devas esti nia plej alta fo-
rumo, ne por eventuala turismado, sed por analizo
kaj decido pri seriozaj demandoj ĉe nia Movado.

Bonfarton kaj prosperon ni deziregas al JES JA!

## K I E L   S K R I B I ?



### MALLONGIGOJ ĜENERALE UZATAJ

a.K = antaŭ Kristo
Ak-ano = Akademiano
Apr. = aprilo
atm = antaŭtagmeze
Aŭg. = aŭgusto
bk. = bildkarto
bv. = bonvolu
cm = centimetro
ĉ. = ĉirkaŭ
Dec. = decembro
d-ino = doktorino
d-ro = doktoro
E. = Esperanto
ekz. = ekzemple
E-o = Esperanto
Esp. = Esperanto
ekz-ero = ekzemplero
Feb. = februaro
f-ino = fraŭlino
i.a. = inter aliaj
inĝ. = inĝeniero
instr. = instruisto
irk. = internacia respondkupono
Jan. = januaro
Jul. = julio
Jun. = junio
k = kaj
k.a. = kaj aliaj
kc = kaj ceteraj
k-do = kamarado
kg = kilogramo
kHz = kiloherco
k-ino = kamaradino
km = kilometro
kp. = komparu

(DAŬRIGOTE)



# Principaro de Frostavallen

**En la diskutrondoj de la iamaj seminarioj en Frostavallen, Svedujo, naskiĝis la bazaj principoj pri la informado pri Esperanto, entenataj en la t.n. "Principaro de Frostavallen". Ĉi-sube prof. Lapenna daŭrigas sian komentadon pri unuopaj aspektoj de tiuj principoj.**

# POR PLI EFIKA INFORMADO

IVO LAPENNA

## Kion eviti?

En artikoloj, prelegoj kaj aliaj rimedoj de informado pri Esperanto siatempe svarmis misgvidaj esprimoj, kiuj kaŭzis multe da malbono al la pozicio de la lingvo. La Principaro de Frostavallen* listigas la ĉefajn erarojn en la p-to 13 de la sekcio rilatanta al la kvalito kaj, interalie, rekomendas ne apliki al la lingvo la epitetojn "artefarita", "helpa", "verda" k.s., sed ĉiam nomi ĝin aŭ La Internacia Lingvo aŭ Esperanto.

Dank' al tiu rekomendo kaj al insistado de la Informa Fako de UEA kaj de pluraj landaj informaj fakoj, la epiteto "verda" kaj similaj ekstravagancoj komplete malaperis, dum la uzo de "artefarita" kaj "helpa", kvankam reduktita, bedaŭrinde ankoraŭ obstinas.

Ambaŭ esprimoj estas malĝustaj, nenecesaj kaj tre malutilaj.

Malĝustaj ili estas, ĉar ili ne respondas al la fakta karaktero de Esperanto. La lingvoj estas kreaĵoj de la socio kaj ne de la naturo. Lingvoj ne kreskas sur arboj, sed formiĝas kaj evoluas en la sino de homaj kolektivoj. Ili ne estas regataj de biologiaj, sed de sociologiaj kaj lingvistikaj leĝoj. Tial ĉia ajn "biologiigo" de lingvo estas science neakceptebla. Necesas fine kompreni, ke tiurilate ne ekzistas principa, esenca, diferenco inter Esperanto kaj la naciaj literaturaj lingvoj. Sekve, se al la angla, franca, aŭ kiu ajn alia lingvo oni ne aldonas la epitetojn "artefarita" aŭ "helpa" aŭ kiun ajn alian maltaŭgan, sed oni tion faras rilate al Esperanto, oni necese kreas superfluajn konfuzon kaj miskomprenon. Per tio oni nur erare kredigas, ke Esperanto estas "kontraŭnatura", do io "nenormala" aŭ eĉ "morta", kompare kun la "normalaj", "naturaj" kaj tial "vivantaj" lingvoj. Pro

la sama kaŭzo estas evitinde nomi d-ron Zamenhof "kreinto" aŭ eĉ "inventinto" de Esperanto. Li mem rigardis sin, tute prave, iniciatinto de la lingvo.

La du esprimoj estas ankaŭ tute nenecesaj. La subskribinto publikigis centojn da artikoloj pri la Internacia Lingvo kaj neniam uzis la du epitetojn. Signifas, ke ili estas eviteblaj sen kia ajn malfacilaĵo. Ni ne diskutu ĉi tie la taŭgecon de la esprimo "planlingvo". En scienckaraktera artikolo aŭ verko ĝuste pri tiu demando ĝi certe estas necesa, sed en la ĝenerala informado ankaŭ ĝi estas evitinda.

La kontraŭstarigo de "artefarita" aŭ "helpa" al "natura" aŭ "vivanta" estas malutila el ĉiuj vidpunktoj. Tia nomado kreas eraran impreson, ke Esperanto tute ne povas funkcii kiel lingvo aŭ, en la plej bona kazo, ke ĝi estas nur ia surogato de lingvo, per kiu oni ne povas esprimi la nuancojn kaj subtilaĵojn de la penso. Superflue diri, ke tia antaŭjuĝo, al kiu la eraroj en nia informado abunde kontribuis en la pasinteco kaj bedaŭrinde ankoraŭ kontribuas, grave obstaklas la normalan disvastiĝon de la lingvo en la larĝaj popoltavoloj. Krome, per tio ni mem liveras municion por la kanonoj de la konsciaj malamikoj de Esperanto. Tio okazis multfoje. Denove tio okazis antaŭ nelonge en grava nacia instanco, kiam influhava publika figuro sukcese oponis eksperimentan instruadon de Esperanto en la lernejoj per la argumento, ke ĝi ne havas klerigan valoron kiel la "vivantaj" lingvoj kaj ke, cetere, ĝi mem atribuis al si nur la rolon de "helpa" lingvo. Fine, necesas ne forgesi la negativan efikon de tia endoktriniĝo pri "artefariteco" je la mensoj de komencantoj kaj kelkfoje eĉ de personoj, kiuj jam ekuzis la lingvon. Superflue kreiĝas ia danĝera komplekso de malpli granda valoro de Esperanto kompare kun la naciaj lingvoj, kio malhelpas la plenan ekregon de la lingvo. La fenomeno de "eternaj komencantoj" ŝuldiĝas almenaŭ parte al tiu psikologia aspekto.

Forigi maltaŭgajn kaj plene superfluajn epitetojn estas unu el la plej gravaj kondiĉoj por pli efika informado kun la celo prezenti la Internacian Lingvon en ĝusta lumo.

---

* *Fundamenta Principaro de Informado pri la Internacia Lingvo* aperis sur p. 58-62 en la broŝuro *Statuto kaj Regularoj de UEA*, ricevebla de UEA en Rotterdam.









# Jes Ja!

TRIGUEIRINHO: DUA PARTO DE INTERVJUO

INTERVJUO KUN JORGE DAS NEVES, ĈEFDELEGITO DE UEA EN BRAZILO

Brazila E-Gazeto Sendependa * Vintro 1991
Mal. Frota, 278 * 91350 Porto Alegre, RS, Brazilo




MAL LONGIGOJ ĜENERALE UZATAJ

SHIRLEY MACLAINE KAJ LA NOVA ERAO

2